# Hispana Esperanto GAZETO


*Eis aquí se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça alli da Europa toda.*
*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas». Kanto IIIª, XVII.)
CAMOENS


3a jaro | Septembro-Oktobro 1933 | N-ro 29

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
SAGASTA, 10. - MADRID (HISPANUJO)
APARTADO DE CORREOS 1.089





Tipografia CHULILLA y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926

# ACTA DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA DE H. E. A.

En Madrid, a las 19 horas del día 11 de septiembre de 1933, en el domicilio de la Asociación (Sagasta, 10. - Cruz Roja Española), se reunió la Junta Central Ejecutiva, con asistencia de los miembros expresados al margen.

Abierta la sesión y leída el acta de la sesión del 19 de julio último, fué aprobada por unanimidad.

Con arreglo a lo acordado en el Congreso de Santander y a lo dispuesto en el Reglamento, en virtud de dimisión del vicetesorero, fundada en que sus frecuentes ausencias de Madrid le impiden desempeñar su cargo, la Junta propone y vota para dicho cargo a nuestro consocio D. Fernando Molina, miembro número 735.

Pendiente de resolución la petición hecha a H. E. A. por la Liga de Ferroviarios Esperantistas Españoles, y en consecuencia de las impresiones cambiadas con ocasión del Congreso de Santander, fué presentada por la Presidencia y aceptada por unanimidad la siguiente proposición:

«La Liga Ferroviaria Esperantista Española propuso a la H. E. A. que ésta le diese facilidades respecto a publicar en la Revista cuanto a aquélla concierne; la Directiva estudió el asunto con cariño: concedió cuanto podía e instó a encontrar una completa solución a las aspiraciones de la Liga. Concedió hasta dos páginas de la Revista para la publicación de cuanto a la Liga conviniera, porque no podía llegar a conceder gratuitamente un ejemplar a cada uno de los miembros de la Liga; pero prosiguiendo el interés y estudio para una solución satisfactoria de la petición, en virtud de impresiones cambiadas con ocasión del Congreso de Santander, se llegó a coincidir en que la letra y el espíritu del artículo 3.° del Reglamento de H. E. A. facilitan el recurso para la solución: *modificar el Reglamento en su artículo 2.°, introduciendo una nueva categoría de socios que pasaría a ser la* c), *pasando la actual* c) *a* d), *quedando dicha nueva categoría de socios así expresada*:

«c) *Socios adheridos, que serán cuantos pertenezcan a una organización regional esperantista, o a una organización esperantista especial o profesional de* TODO *el territorio de la República española, y paguen a H. E. A. una peseta cincuenta céntimos al año, pero sin voz ni voto dentro de H. E. A.*»

De esta manera, la Liga, cobrando *dos pesetas* a cada uno de sus

socios, puede deducir de dicha cantidad *cincuenta céntimos* para su autonómico funcionamiento.

Fallado el asunto por los vocales regionales, la proposición será sometida a la votación inmediata de los heaanos, publicándola nuevamente en la Revista, y en caso de ser favorable la votación, se someterá a la Dirección general de Seguridad la reforma del Reglamento en la forma propuesta.»

Se acordó, igualmente por unanimidad, animada la Junta Central Ejecutiva del mejor deseo para facilitar la rápida labor de la Comisión pro unión de los esperantistas hispanos, proponer a los vocales regionales que, no obstante lo dispuesto en el artículo 11 de nuestro Reglamento acerca de la validez de los acuerdos congresales que no figuran en el *orden general de trabajos del Congreso*, no se espere el cumplimiento del tiempo de *dos meses a partir de la fecha de su publicación* para que dicha Comisión realice los trabajos conducentes a dicha unión.

Del mismo modo se decidió, por cesión gratuita de D. Julio Mangada a H. E. A. de los dos primeros cuadernos de su *Helpanta Temaro*, corregida y aumentada con historietas y grabados, que la Asociación regale dichos dos cuadernos a sus miembros que abonen la cuota para 1934 *antes del quince de diciembre del corriente año, sin prórroga de esta limitación de tiempo*.

Se da cuenta de que D. Mariano Mojado resigna el nombramiento del cargo honorífico que le otorgó el Congreso de Santander, y que, habiéndolo hecho en carta en que ruega el acuse de recibo, se le acusó éste y se decide publicar su carta, para conocimiento general de los heaanos de los fundamentos en que dicho señor se basa para su renuncia.

Y no habiendo más asuntos que tratar, se levantó la sesión a las veinte horas y quince minutos de este día.

El Vicesecretario, *Jacinto Martín*.—V.° B.°: El Presidente, *Julio Mangada*.

Asistieron: El presidente y vicesecretario; D. Julián Sosa, tesorero, que, además, ostentaba la representación del vicepresidente don José Perogordo; D. José Buzón (bibliotecario) y D. Domingo Díaz Ambrona (vocal regional de Extremadura).

---

## ALVOKO AL NACIAJ SOCIETOJ KAJ GRUPOJ

Pretiginte por nia X$^{a}$ Kongreso artajn memorigajn kongresinsignojn, ni sciigas ke ĉiu kiu volu havi tiun memorigaĵon bonvolu sendi DU respondkuponojn al nia Trezoristo, S-ro. Julián Sosa. - Gonzalo de Córdoba, 22. (D. 10). Madrid (Hispanlando).

# Xa NACIA KONGRESO DE ESPERANTO

Komenciĝas la malferma kunsido la 20an de aŭgusto de 1933 en salonego de la Specimen-Ekspozicio, elektante por la Kongresa Komitato:

S-ron. Julio Mangada, prezidanto;
» Víctor O. de Allende, vicprezidanto;
» Teodoro Elizondo, sekretario;
» Jacinto Martín, vicsecretario;
» Eugenio Lunate, voĉdonanto.
» A. Tomás Iglesias, »
» Fernando Soler, »

S-ro. Mangada post dankantaj kaj salutantaj paroloj transdonas la prezidantecon al Vicurbestro de Santander S-ro. Jerónimo Campano, reprezentanto de la urbaj Aŭtoritatuloj, kiu je ilia nomo kaj precipe je tiu de la Prezidanto de la Respubliko, Honora Prezidanto de la Kongreso, varme kaj elokvente salutas la kongresanaron, esprimas la grandan celon idealan de Esperanto kaj bondeziras grandan sukceson al la Kongreso.

La Socialista Ĥoro «Pablo Iglesias» majstre kantas la himnon de H. E. A. «Preĝo sub la verda standardo».

Poste salutas la ĉeestantaron:

S-ro. Prabucki (polo), varme tion faras, ankaŭ juna germana laboristo hazarde loĝanta en Santander; S-ino. Richard, belgino, kaj F-ino. Matilde Schcriber, franca instruistino, ĉiuj en esperanto, kies paroladetoj oni tradukis al hispana lingvo. Same faras S-ro. Venero (hispane) je la nomo de l' Ateneo Popular de Montes; S-ro. Allende (hispane kaj esperante) je la nomo de la esperantista Grupo de Bilbao; S-ro. Isidro Muñoz, je la nomo de la Grupo de Baracaldo; S-ro. San Emeterio, je la nomo de la Grupo de Santander.

S-ro. Mangada, per sentoplena parolado esperanta kaj hispana, klarigas ke li estas esperantisto, ne pro tio ke li konsideras Esperanton esti nura lingvo, sed pro tio, ke ĝi entenas la idean de vera frateco kaj per la tutmonda interkompreniĝo ĝi estos la plej efika elemento kontraŭ la malbenita milito.

Li aldonas, ke niaj hispanaj prapatroj jam estis sentintaj la internan ideon de l' Esperanto, kaj tial en ĉiuj epokoj sin montris gastemaj al fremduloj tute ne diferencante eksterlandanojn el enlandanoj, kaj ke nur ili militis kontraŭ la fremduloj kiam ĉi tiuj sin tenis nelojale kaj volis subpremi la hispanojn.

S-ro. Mangada citas vortojn de D-ro. Zamenhof, kiu ankaŭ diris,

ke Hispanujo estas la lando vere enpenetriĝinta en la ideon de Esperanto; li aldonas, ke en ĉi tiuj tempoj de mizero kaj angoro Esperanto estos la solvo, ĉar en ĝi enteniĝas la moto «Paco, Amo, Laboro».

Sekve S-ro. Campano invitas la kongresanaron kaj la publikon ĉeesti la malkovron de la nomtabulo por la strato Zamenhof.

Fine la aludita Ĥoro bonege kantis la himnon «La Espero».

La Sekretario, *Teodoro Elizondo*.—La Prezidanto, *J. Mangada*.

## 1.ª LABORKUNSIDO

Komenciĝas lundon 21an de aŭgusto je la 18 horo kaj duono en salonego de l' Ateneo Popular de Santander per legado de l' protokolo de la malferma kunsido, kiu estas aprobata. Sekvas legado de leteroj kaj telegramoj de diversaj privatuloj kaj societoj, inter ili estas letero de la Rumana Esp-Societo, varme aliĝantaj salutantaj kaj bondezirantaj al la Kongreso.

S-ro. Mangada atentigas pri la grandaj servoj de nia samideano S-ro. Azorín al nia ideo, kaj almetas al li la honoran medalon de la Santander'a Kongreso.

S-ro. Azorín dankas kaj brakpremas S-ron. Mangada konsiderante ke la brakpremo estas al la tuta samideanaro.

Ĉar nenia propono estas prezentita, S-ro. Mangada parolas pri la anstataŭigo de la personoj okupantaj la postenojn de Vicprezidanto, Trezoristo, Bibliotekisto kaj Sekretario de H. E. A., tiu lasta nepre nereelektota laŭ lia deziro.

S-ro. Mangada cedas provizore la prezidantecon al S-ro. Allende por trakti pri la prezento de l' Raporto kaj Kalkuloj de H. E. A., proponante la elekton de tri personoj por ekzamenado de la kalkuloj. Estas elektitaj S-roj. Alonso, Iglesias kaj Elizondo, kaj post ekzamenado kaj informo de la komisiitoj, estas unuanime aprobataj la kalkuloj.

Sekvas laboro pri la Raporto de la Direktanta Komitato de H. E. A. Kaj S-ro. Mangada, en respondo al S-ro. Allende, diras, ke H. E. A., laŭ ĝia rajto, dediĉis parton de la subvencio ricevita el la Registaro, post diskuto inter la Komitatanaro, por pagi al diversaj instruistoj de kelkaj hispanaj ĉefurboj monhelpon por ĉeesti la Universalan Kongreson de Kolnjo post pruvo pri esperanta parolkapablo, kondiĉe ankaŭ ke ili siavice instruu esperanton poste al memvolaj lernantoj. Ke tiamaniere, oni kalkulas nuntempe 14 geinstruistojn pretaj realigi tiun instruon. S-ro. Mangada aldonas, ke neniu decido de la Direktanta Komitato estas kondukata en la praktikon ĝis apero en la HISPANA ESPERANTO-GAZETO kaj forpaso de la laŭregula tempo, ĉar ĉiuj Regionaj Voĉdonantoj ĵus okazinta kunveno, tuj ricevas presitan kopion

de l' akto por informiĝi, amendi, aprobi, k. c. Ke ĉi tiun decidon oni povis alpreni dank' al la altvalora helpo de l' parlamentano S-ro. Azorín, kiu trafis ampleksigon de aliaj 5.000 pesetoj por disvastigo de la instruado de Esperanto, pro kio estas tre laŭdinda la sukceso de S-ro. Azorín.

S-ro. Allende sciigas ke la Provinca Deputitaro de Vizcaya ankaŭ helpis mone por ke la dirita Kongreso de Kolnjo partoprenu alian instruiston, pro kio el Bilbao ĉeestis la Kongreson tri geinstruistoj.

S-ro. Allende proponas, kaj estas akceptite, lasi por la morgaŭa kunveno la diskuton de la Raporton kaj elekton de la vakantaj postenoj en la H. E. A. Komitato.

Oni aprobas sendi dankesprimojn al la Prezidanto de la Respubliko, al la Ĉefministro, al la Ministro de Publika Instruado kaj al la Prezidanto de la Vizcaya Provinca Deputitaro, al ĉi tiu pro la monhelpo al la instruisto irinta al Kolnjo.

La Sekretario, *Teodoro Elizondo*.—La Prezidanto, *Víctor O. de Allende*.

## II.ª LABORKUNSIDO

Komenciĝas mardon 22an de aŭgusto de 1933, je la 19 horo kaj 15 minutoj, en la salonego de l' Ateneo Popular de Santander, parolante S-ro. Mangada pri la elekto de la vakantaj postenoj de H. E. A. kaj pri la raporto, cedante ankaŭ la prezidantecon por povi respondi. Oni decidas legi kaj diskuti la raporton punkton post punkto.

S-ro. Muñoz petas klarigojn pri la raporto prezentita de la Komisio elektita la pasintan Kongreson por reunuigo de la hispana samideanaro, al kio S-ro. Mangada respondas ke tute detale oni sciigis pri la afero al la heaanaro per la gazeto kaj per kompleta aparta presaĵo aldonita al la gazeto kaj disdonita kun ĝi, kaj li legas la proponon de S-ro. Escartín, kiu naskis la Komision, kaj diras (S-ro. Mangada) ke oni celis starigi Superan Komitaton super la Direktantan kaj ke ĉi tio estas kontraŭ la Regularo.

S-ro. Soler opinias, ke Komisio kreata de la Kongreso havas rajton fari tion, kion ĝi faris.

S-ro. Mangada ne konsentas.

Partoprenas S-ro. Azorín, alportante diversajn informojn pri sia agado en la dirita Komisio, kies alnomo «supera» li juĝas arbitra, ĉar ĝi estas nur Komisio por konkordigaj rilatoj. Tial ke li konsideras tiun Komision malsukcesinta, proponas la kreon de alia por daŭrigi la interrilatojn. Li ne scias, kies eraroj estis kaŭzo de la malsukceso

kaj preferas ne trakti pri tio. Li sin montras partiano konservi ĉiel la nomon «*Hispana Esperanto Asocio*», kiu estas bonfamigita.

Sekvas longa diskutado pri la agadoj de la dirita Komisio kaj de l' Direktanta Komitato, kiun bone gvidas S-ro. Lunate kiel prezidanto, kaj ĉiuj partoprenantoj sin montras bonvolaj kaj oferemaj por alveno al sopirata unuiĝo de la hispana esperantistaro.

Kontraŭ tiu ĉi parto de la Raporto de la Direktanta Komitato de H. E. A. voĉdonas S-roj. Soler, Azorín kaj San Antonio (ĉi tiu per delego).

Oni finas la legadon de la Raporto kiu estas aprobata senproteste je ĝiaj ceteraj partoj.

S-ro. Mangada reprenas la prezidantecon kaj proponas S-ron. Fernando Soler por la vicprezidanteco de H. E. A.; kaj ĉi tiu S-ro. klarigas siajn kaŭzojn por rifuzo.

Por la vakantaj postenoj oni voĉdonas unuanime: S-ron. Jozefo Perogordo, vicprezidanto (reelektita); S-ron. Fernando Redondo, sekretario (elektita); S-ron. Julián Sosa, trezoristo (reelektita); S-ro. Jozefo Buzón, bibliotekisto (reelektita). Post la aprobo, oni transdonas al la prezidanto leteron de la victrezoristo S-ro. Barrios sciigante lian eksiĝon ĉar li ne povas plenumi la postenon kaŭze de siaj oftaj forestoj el Madrid. Tial ke oni estas parolinta al neniu pri akcepto de tiu posteno (nekoninte la decidon de S-ro. Barrios), oni rajtigas la H. E. A. Komitaton por elekti lian anstataŭanton.

S-ro. Mangada sciigas sian akordiĝon kun la propono de S-ro. Azorín krei novan Komision por atingi la reunuigon de la hispanaj esperantistoj; kaj unuanime la Kongreso aprobas la kreon kaj elektas por la Komisio S-rojn. Fernando Soler, Manuel Vázquez, kaj reelektas S-ron. Luis Rodríguez Escartín.

La prezidanto proponas, ke, ĉar estas nenio pritraktota jam, la kongresanaro profitu la ekskurson al San Vicente de la Barquera por okazigi tie la ferman kunvenon de la Kongreso kaj tiel liberigi la samideanojn.

La kongresanaro unuanime aprobas la proponon.

La Sekretario, *Teodoro Elizondo*.—La Prezidanto, *J. Mangada*.

## III.ª (FERMA) LABORKUNSIDO

Okazas ĉi tiu kunsido la 23an de aŭgusto de 1933 en San Vicente de la Barquera, posttagmeze, okaze de la komuna tagmanĝo. Oni legas kaj aprobas la raportojn pri la Iª kaj IIª laborkunsidoj.

La prezidanto invitas la samideanojn por paroli:

S-ro. Soler proponas sendi telegramon al S-ro. Mariano Mojado

dankantan lin pro liaj multaj laboroj, kaj oficnomi lin Honora Sekretario. Unuanime oni aprobas la proponon.

Estas petata aplaŭdon kaj dankesprimon por la direktorino de la Socialista Ĥoro, F-ino. Julia García, kiu tiel bone agrabligis niajn kunvenojn; kaj tondra aplaŭdado kaj dankesprimado eksplodas.

S-ro. Lunate petas ĉiesan agadon por la reunuigo; kaj unuanima aplaŭdado vidigas la deziron ĉies.

S-ro. San Emeterio, je la nomo de la esperantistoj de Santander, dankas la venintajn eksterurbanojn.

S-ino. Richard salutas en nomo sia kaj de sia familio la hispanajn samideanojn kaj dankas ilian helpemon.

S-ro. Soler legas la telegramon adresitan al S-ro. Mojado.

Fine S-ro. Mangada per ardaj vortoj laŭdas kaj dankas la Lokan Komitaton kaj la samideanaron de Santander por la tiel bone sukcesinta Kongreso kaj por ilia bonvolo kaj afableco, dezirante al ĉiuj feliĉajn revenojn al hejmo kaj bonvolon al daŭrigo de la AFERO.

La Sekretario, *Teodoro Elizondo.*—La Prezidanto, *J. Mangada.*

---

## Xa Kongreso de Hispana Esperanto-Asocio

### Santander, 20-24 Aŭgusto 1933

### LISTO DE ALIĜINTOJ

(*Fino*)

N-ro 76. S-ro. José María Coderque, Ateca (Zaragoza).
» 77. F-ino. Purificación Alcalá de Coderque, Zaragoza.
» 78. F-ino. Carmen Vicario, Santander.
» 79. S-ro. Antonio Vicario, Santander.
» 80. Grupo esperantista Infantil Zamenhol, Santander.
» 81. S-ro. Luis Merino Gao, Santander.
» 82. S-ro. Joaquín Bedia, Santander.
» 83. S-ro. Victor Moro, Santander.
» 84. F-ino. F. Mourguiart, Burdeos.
» 85. F-ino. Luisa García Rodríguez, Madrid.
» 86. Grupo esperantista, Bilbao.
» 87. S-ro. Basilio Barroso, Bilbao.
» 88. S-ro. Alberto Díaz, Bilbao.
» 89. F-ino. Felisa Otaola, Bilbao.
» 90. S-ro. Jesús Arteche, Bilbao.
» 91. S-ro. Patricio Llano, Baracaldo.

N-ro 92. S-ro. José Afren Pedraz, Santander.
» 93. S-ro. Eusebio Madrid Blanco, Villanueva de las Minas.
» 94. S-ro. Antonio Mármol Cordero, Villanueva de las Minas.
» 95. S-ro. Miguel Carreras, Fuentes de Nava.
» 96. F-ino. Teresa Roqueta Vilá de Luengo, Orense.
» 97. S-ro. Mariano Lastra, Santander.
» 98. S-ro. Santiago Toca, Santander.
» 99. S-ro. José Núñez Rey, Alicante.
» 100. S-ro. Feliciano Olivar Guíu, Cartagena.
» 101. S-ro. Enrique Martínez, Cartagena.
» 102. S-ro. Mariano Pérez, Cartagena.
» 103. S-ro. Juan Maldonado, Cartagena.
» 104. S-ro. Andrés Rosique, Cartagena.
» 105. S-ro. Vicente Monterde, Cartagena.
» 106. S-ro. Francisco Paredes, Cartagena.
» 107. S-ro. José Lerroux, Cartagena.
» 108. S-ro. José Olivares, Cartagena.
» 109. S-ro. Juan García, Cartagena.
» 110. S-ro. Antonio Gil Amorós, Santander.
» 111. Ateneo de Santander, Santander.
» 112. S-ro. Salvador Olivar Hernando, Ferrol.
» 113. S-ro. Antonio Porta Gárate, Ferrol.
» 114. S-ro. Luis Bellas Lamas, Ferrol.
» 115. Grupo Esperantista Ferrol, Ferrol.
» 116. Grupo Esperantista Paco K. Kulturo, La Graña.
» 117. Centro Obrero de Cultura, Ferrol.
» 118. S-ro. Eugenio Lunate, Baracaldo.
» 119. F-ino. Francisca Olavieta, Baracaldo.
» 120. F-ino. Herminia Sempere de Soler, Madrid.
» 121. F-ino. Conchita Soler Sempere, Madrid.
» 122. S-ro. Jerónimo Campano, Santander.
» 123. S-ro. Antonio Diestro, Santander.
» 124. S-ro. Ricardo Ruiloba, Los Corrales.
» 125. Juventud Socialista, Santander.
» 126. S-ro. Miguel Ruíz Luengo, Bilbao.
» 127. S-ro. Florencio Mazo, Santander.
» 128. S-ro. Martín Sánchez Martínez, Sestao.
» 129. S-ro. Florencio García Prado, Sestao.
» 130. S-ro. Julio Laorden, Sestao.
» 131. S-ro. Antonio Fernández Alvarez, Portugalete.
» 132. F-ino. Lucrecia San Antonio, Madrid.
» 133. S-ro. Maximiliano Diego, Santander.

N-ro 134. S-ro. Ramón Gancedo, Santander.
» 135. S-ro. Mathilde Schirber, Burdeos.
» 136. S-ro. Fortunato Virgne, Bilbao.
» 137. S-ro. Saturnino Montero, Bilbao.
» 138. S-ro. Eduardo Larrony, Bilbao.
» 139. S-ro. Félix Jansoro, Bilbao.
» 140. S-ro. Ignacio Martínez Peña, Bilbao.
» 141. F-ino. Carmen Bengochea, Bilbao.
» 142. S-ro. Pedro Ch. Aguilar, Bilbao.
» 143. S-ro. Federico Garrido, Bilbao.
» 144. S-ro. Eugenio Herrera, Bilbao.
» 145. S-ro. Enrique D. Madrazo, Santander.
» 146. Monte de Piedad, Santander.
» 147. Ateneo Popular de Monte, Santander.
» 148. S-ro. Ignacio Herrero Fuente, Orense.
» 149. Círculo Mercantil, Santander.
» 150. S-ro. José Carnicer, Zaragoza.
» 151. S-ro. Marcelino Oller, Barcelona.
» 152. S-ro. Ramón Corbatera, Barcelona.
» 153. S-ro. Pedro Llucià, Barcelona.
» 154. Grupo «Nova Sento», Barcelona.
» 155. S-ro. José Mariné, Barcelona.
» 156. S-ro. José Arguedas, Barcelona.
» 157. S-ro. Alejandro Bosch, Barcelona.
» 158. S-ro. José Vilá, Barcelona.
» 159. S-ro. José Blanco Raspall, Gijón.
» 160. Grupo esperantista del Orfeón Socialista «Pablo Iglesias», Santander.
» 161. S-ro. Manuel Vázquez, Madrid.
» 162. S-ro. Cándido Tarodo de la Fuente, Madrid.
» 163. S-ino. Dolores Dumás de Vázquez, Madrid.
» 164. Grupo Esperantista Sevillano, Sevilla.
» 165. Juventud Comunista, Santander.
» 166. S-ro. Joaquín Lafuente, Santander.
» 167. F-ino. Amparado Simón, Bilbao.
» 168. S-ro. Tomás Serantes García, Serantes.
» 169. S-ro. Manuel Casabella, Coruña.
» 170. S-ro. Víctor O. de Allende, Bilbao.
» 171. S-ro. Antonio Pérez Ruíz, Madrid.
» 172. F-ino. María López, Madrid.
» 173. F-ino. Tita Cifrian, Solares.
» 174. F-ino. María Cuartero, Madrid.

N-ro 175. S-ro. Cecilio Olalla Miguel, Bilbao.
» 176. S-ro. José Ajenjo Zárate, Bilbao.
» 177. F-ino. Emilia Albentosa, Bilbao.
» 178. S-ro. Carlos de San Antonio. Madrid.
» 179. F-ino. Consuelo Burguera. Madrid.
» 180. F-ino. Lolita Burguera. Madrid.
» 181. Partido de Acción Republicana, Santander.
» 182. S-ro. Francisco Máñez, Cheste.
» 183. Partido Radical, Santander.

## NEKROLOGO

Nia glora Honora Prezidanto, D-ro. Karlo M. Cortezo, ĵus mortis, lia altvalora persona reliefo de ĉiaj vidpunktoj de la hispana vivo, ĉar li politike, science, literature, estis vera eminentulo, kies famo preteriris la landlimojn, donis al Hispana Esperanto Asocio gravan kaj grandegan helpon. Ĉiuj membroj de H. E. A. korprofunde sentas lian morton kaj esprimas sincere sian kondolencon al la familio, kiun la Fatalo preskaŭ seninterrompe terure frapadas forpreninte, post la vivo de nia kara Honora Prezidinto, la vivon de filo lia.

D-ro. Karlo María Cortezo okupos oran paĝon en la libro de Hispana Esperanto Asocio.

La Prezidanto, J. MANGADA

* * *

Sciinte S-ro. Mangada la intiman amikecon kiun mi sentis al doktoro Cortezo dum la lastaj dekvin jaroj de lia vivo, S-ro. Mangada petis je mi partoprenon al honoriganta rememorigo al glora mortinto en kies privatan orbiton la Destino min alproksimigis. Jen klarigoj, ĉar ĉi tio elpruvas la grandanimecon karakterizantan la eminentan doktoron, lian serenan energion kontraŭ la batoj de l' malfeliĉo: Kiam doktoro Cortezo sin vidis en risko perdi grandparte sian vidkapablon, li ne malkuraĝiĝis, kaj tial ke li multege ŝatis la legadon, li ne sin sentis kontenta aŭdante legadon ies kaj decidis havigi al si la kapablon de l' blinduloj legi palpe spite de sia granda maljuneco. Por ĉi tio li serĉis konsilanton, kaj koninte min ĉe la Ateneo, kvankam sen interrilatiĝado persona, li sin turnis al mi por sia celo, pro kio ekestis inter ni ŝatita interrilato kiu pligrandiĝis intime kaj pli kaj pli ni enami-

kiĝis. Kvankam la doktoro, post kelke da tempo jam ne bezonis min, la amikeco daŭradis same kiel la interrilato, kaj fariĝis kutimo ke mi ĉiusemajne tagon estu vizitinta lin, pasigante kun li du-tri horojn en plena ĝojo kaj spirita kontento laŭ konversacio kaj legado pri francaj kaj germanaj temoj. Mi rememoros dumvive tiujn horojn ĉe lia laborĉambro, ĉe lia simpatia laborĉambro apud la tre simpatia Don Karlo, kiu havis la ĝentilecon pritrakti niajn kunvenojn en ĉapitro de sia verko «Paseos de un solitario» («Promenadoj de Izolulo»), per kiu mi akiris la senmortecon, kiel mi iam diris al li.

Doktoro Cortezo estis tute absolute VIR BONUS, talenta viro, riĉe mensa kaj morala naturo; klinika kaj scienca fokuso; sed ankaŭ li brilis hele dank' al sia plumo kaj al sia parolo, ne nur pri sciencaj temoj, sed, pro sia speciala sentemo delikata al la arto ĝenerale, partikulare li estis bona literaturisto ne platona sed praktika, verkante flue, elegante, bonstile, kaj riĉenhave, ĉu proze, ĉu verse, ĉiam kun granda inspiro. Li verkis iujn dramojn laŭdindajn de ĉiaj vidpunktoj, sed li kaŝis sian nomon per anagramo, ĉar la publiko konsentas al kuracistoj esti politikuloj, verkistoj, sed ne teatroverkistoj: la publiko timas speciale tiun ensorĉon de la medicinaj profesiuloj.

Ĉar mia celo ne estas fari biografion, je ĉi tio mi silentas, esprimante mian doloron pro la perdo de tiu admirata kaj amata miko.

C. LICKEFETT

4 septembro 1933.

---

## NECROLOGIA

Sabedor el Sr. Mangada de la estrecha amistad que tuve con el doctor Cortezo en los últimos quince años de su vida, ha requerido mi concurso circunstancial, que aporto tristemente gustoso, para rendir este homenaje a la memoria del eximio varón a cuya órbita en lo privado me acercó el destino. Me explicaré, ya que ello demuestra la entereza de carácter del insigne doctor, su energía serena ante la adversidad: Hallándose amenazado de perder en gran parte la vista, no se amilanó, y, como era muy aficionado a la lectura, no quería contentarse con la que se le podía hacer oralmente, sino que pensó en proveerse, además, de la lectura tactil de los ciegos, y decidió imponerse en ella, a pesar de su edad poco favorable. Buscando para ello un asesor, recurrió a mí, a quien conocía del Ateneo, aunque sin

tratarnos, y he ahí cómo entré en relación con mi gran tocayo, estableciéndose insensiblemente la amistad entrambos. Esta fué creciendo, pues, para cultivarla, a pesar de no necesitarme ya el doctor, tomé la costumbre de ir un día a la semana a su casa, a pasar con él dos o tres horas, solazándome en su compañía, conversando con él y leyendo juntos cosas francesas y alemanas. Añoraré mientras viva los ratos que he pasado a su lado en su despacho, el simpático despacho del simpático Don Carlos, que ha tenido la gentileza de mencionar nuestras reuniones en un capítulo de «Paseos de un solitario», con lo que me inmortaliza, como le dije.

El Dr. Cortezo era un dechado de VIR BONUS y de hombre talentudo, rica naturaleza mental y moral: lumbrera clínica y científica, descollaba también con su pluma y su palabra (no sólo en asuntos científicos), por efecto de su disposición preclara para sentir el arte en general y, en particular, el literario, y éste, no ya sólo platónicamente, sí que a la par cual relevante escritor, con elegancia y distinción admirables de pluma fácil, flúida y enjundiosa, no sólo como prosista, sino hasta como inspirado vate. Llegó a escribir más de un drama, de hermosas cualidades de estro y de ejecución, para los que disfrazaba su firma con un anagrama, por la circunstancia de que los clientes de un médico, si bien admiten que éste sea escritor o milite en política, no sufren que escriba para el teatro: temen especialmente tal hechizo para el ejercicio de la profesión médica.

Como no es mi cometido la exposición de los datos biográficos, hago aquí punto, expresando mi pesar por la pérdida de amigo tan querido y admirado.

C. LICKEFETT

4 septiembre 1933.

---

# AVISO

**Los miembros de H. E. A. que paguen sus cuotas para 1934 antes del 15 de diciembre del corriente año recibirán gratuitamente los dos primeros cuadernos de la «Helpanta Temaro» de Julio Mangada; 32 páginas con grabados de varias historietas del caricaturista vasco Arrúe, completamente en esperanto.**

## PRI LA LIBRO «SANTANDER»

Jen tio kion diras al H. E. A. S-ro. R. Kreuz, direktoro de la Internacia Centra Komitato de la Esperanta Movado: **«Post reveno de Kolonjo, ni trovis ekzempleron de via bonega kompilaĵo «Santander». Ni deziras sincere gratuli vin pro tiu-ĉi bonega eldonaĵo. Ni esperas, ke ĝi havos plenan sukceson kaj helpos akceli nian klopodadon precipe en la nuna tre malfacila tempo por progreso.»** Tiel agadas H. E. A. iom post iom kaj spite de ĉio, preparante ĉiel laŭ eblo kaj ĉiam la *akcelon* al triumfo, konvinkante per faktoj.

Kaj estas nun ĝustatempa okazo por diri, ke dank' al la libro «Santander», al la korespondaĵoj petantaj la libron, al la adresaro pri gazetoj, Naciaj Asocioj, Grupoj, k. t. p., donita al la Patronaro por Nacia Turismo, ĉi tiu miris kaj firme konvinkiĝis pri utilo kaj disvastigo de Esperanto.

## TRANSCRIPCION

Nuestro honorable amigo y samideano D. Mariano Mojado ha dirigido al señor Presidente de H. E. A. la siguiente carta:

«Madrid, 27 de agosto de 1933.—Sr. Presidente de Hispana Esperanto Asocio.—Muy estimado señor Presidente: A su debido tiempo recibí el telegrama en que se me comunicaba haber sido aceptada la dimisión de mi cargo de Secretario de H. E. A., por lo que le doy las más cumplidas gracias, y que se me había nombrado Secretario Honorario Perpetuo de la Hispana Esperanto Asocio.—Como nunca he pretendido honores en el campo esperantista, y existen las mismas razones e incompatibilidades para recibir cargos honoríficos que existieron para presentar la dimisión del cargo efectivo y activo, declino en absoluto el honor que se me ha conferido y cualquiera otro que se me intentase conferir.—Quizá cambien las circunstancias y desaparezcan las causas y personas que han motivado mi dimisión, y entonces acaso pueda yo digna y decorosamente volver a la vida activa de la Asociación.—Ruego a usted se me acuse recibo de esta carta.—Le saluda cordialmente su amigo y samideano, *Mariano Mojado.*» (Rubricado).

## ESPERANTISTA KARAVANO

Nia kara kaj imitinda kunsocietano S-ro. Francisco Máñez, el Cheste, vidis tutplene sukcesinta sian grandan turistvojaĝon al insulo Mallorca, kiun partoprenis sesdek unu personoj el kiuj la plimulto estis de Cheste, sep de Valencio kaj iuj el diversaj lokoj de Valencia provinco.

Verŝajne, ĉar Esperanto estas Paco, Amo, Belo..., la vojaĝon agrabligis la Destino per serena maro liveranta feliĉan marvojaĝon.

La 8an de aŭgusto la karavano alvenis al Palma de Mallorca, kie atendis la karavanon la samideanoj de Palma kaj akompanis ilin dum la ekskursoj al Valldemora, Formenter, Lluch, grotoj de Manacor, k. c., kaj dum la vizito al ĉefaj monumentoj de Palma kaj kastelo de Bellver.

Dimanĉon 13an la karavano reiris Valencion portante grandan kontenton kaj profunde kore gravuritajn impresojn. Je la elŝipiĝoj kaj enŝipiĝoj estis kantataj esperantaj himnoj kaj la himno al Valencio.

Nia klera kaj entuziasma heaano S-ro. Fernando Redondo konstante helpis la karavanon, kiun partoprenis multenombraj belulinoj, kiel Jozefino Cariñena («Miss fallera» de l' jaro 31ª kaj «Miss Respubliko»).

Estas supozinde, ke ĉi tiu karavano lasis fortan impreson en la samideanoj de Palma de Mallorca. Ripetinda estas la karavano kaj imitinda de la samideanoj de ĉiuj lokoj, ĉar estas tiaj vojaĝoj tre utilaj al propagando.

## GRAVA SUKCESO DE ESPERANTO

Rusio estas hodiaŭ lando, al kiu ĉiuj aliaj landoj celturnas siajn okulojn, kiun avide la tuta Homaro celas por informiĝi ĉu ĝi estas ĥaoso, ĉu ĝi estas lando atinginta la plej perfektan socian reĝimon, kiun oni povas deziri kaj realigi. Estas kompreneble, ke ĉi tiun scivolemon de ĉiuj homoj ĝenerale ankaŭ sentis la tutmonda blindularo avida koni la vivstaton de la rusaj blinduloj; pro tio-ĉi, el ĉiuj landoj, multenombraj blinduloj sin turnis al rusaj sammalfeliĉuloj demandante pri ilia vivo ĉe la Soveta Respubliko, kaj la rusaj blinduloj respondas la demandojn per esperanta libro presita Braille (punktreliefe) entenanta ĉiujn plibonigojn al la vivo de l' blinduloj. La libro diras, kiel la blindulo dum la cara reĝimo estis nur almozpetanto malŝatata kaj senrajta; kiel nuntempe, la rusa blindulo rajtas same kiel la vidanto, pro

kio la blindularo starigis sian devizon: «*Antaŭen same, kiel la vidantoj!*» Kaj ĉi tio jam efektiviĝis tiamaniere, ke multaj blinduloj okupas altrangajn eĉ oficialajn postenojn, 35 blinduloj laste trafis la deputitecon, multaj prezidas sovetojn kaj sovetajn fakojn, direktas entreprenojn kaj instituciojn diversajn ĉu financajn, kooperajn, sindikatajn, pedagogiajn, k. c. Dek kvin mil blinduloj jam laboradas de antaŭ unu jaro en Rusio, en metalaj, teksaj, elektraj, k. c., industriejoj kaj komercejoj, kaj la minimuma salajro ĉiumonata estas sesdek du rubloj. La Registaro celas okupigi kvardek mil blindulojn antaŭ estos forpasintaj kvar jaroj. Por ĉi tiu granda laboro, la Registaro de antaŭ kelkaj jaroj fondis la Asocion «Vos» por la tuta teritorio rusa, enkalkulas nuntempe 572 lokajn organizaĵojn kun 31.320 membroj, kaj kies celo estas solvi ĉiajn problemojn koncernantajn la blindularon kun la helpo de la Registaro kaj de aliaj bonfarantaj kaj plibonigantaj institucioj.

La libro, do, estas rimarkinda pruvilo pri utileco de Esperanto.

## ANEKDOTO DE SOKRATO

Civitano kuregis tra la stratoj de Ateno kun hakilo en la mano persekutante viron, kiam okaze Sokrato pasis.

—Haltigu lin! — kriis la persekutanto al Sokrato —. Li estas murdinto.

—Ĉu murdinto?—demandis Sokrato—. Sed kio estas tio?

—Ne similu al idioto—ekkriis malpacience la persekutanto—. Murdinto estas tiu kiu mortigas.

—Buĉisto, ĉu ne?—demandis Sokrato.

—Tute ne; murdanto estas tiu, kiu mortigas alian homon.

—Ho, jes! Militisto.

—Besto! Mi volas signifi tiun, kiu mortigas homon dum pactempo.

—Ho, mi komprenas. Ekzekutisto!

—Ci kolerigas min. Kiu mortigas alian viron hejmen. Ĉu ci komprenas nun?

—Nun, jes. Tio estas, kuracisto!

La hakilulo kredis, ke li parolis kun frenezulo, pro kio li turniĝis kaj daŭrigis la persekutadon.